0.40

# LA GAŬĈO DIPI

DE

WALT DISNEY

Elhispanigis
TISEK



Eldonis PROGRESO, Buenos Aires 1943

# LA GAŬĈO DIPI

*de WALT DISNEY*

Elhispanigis TISEK

—HO, oni vidas homojn! Ili certe min atendas. Kiu diris al ili ke mi venos? Certe, Miki!

La kaŭbojo Dipi, posttirante la piedojn, kun la korpo antaŭenklinita kaj kun la selo sur la ŝultro, komencis marŝi tra la haveno de Bonaero, sed neniu, krom iu portisto, alproksimiĝis al li.

—Ĉu ili scias ke mi venas inkognite? Bonaj knaboj! Ili bone simulas — kaj, por esprimi sian kontenton, li komencis rideti kaj disdonadi okulsignojn dekstren kaj maldekstren. Sed, vere, ili tre bone simulis, kaj la malmultaj personoj kiuj estis tie, komencis rigardi lin kvazaŭ li estus freneza.

Li alproksimiĝis al policisto kaj demandis:

—Ĉu vi bonvolus diri al mi kie estas Miki?

—Kiu?

—Miki. La Muso Miki.

—Ĉu la Muso Miki? La Muso Miki estas en Hollywood

Tiam Dipi murmuris ion en la orelon de la policisto. Tiu etendis sian brakon kaj diris: Iru en tiu direkto tri kvadrojn (1). Mi deziras al vi feliĉon!

Dipi estis en la policejo, en juĝejo, en kvar grandaj hoteloj kaj en cent aliaj lokoj, sed nenie oni povis informi lin pri la estadejo de la Muso Miki.

Jam li malesperis trovi Mikin, kiam vendisto de arakisoj diris al li:

—Pasintfoje, dum mi faris saketon el peco da ĵurnalpapero, impresis min fotografaĵo de junulo sidanta sur ĉevalo.

—Ĉu estis Miki?

—Eble... Ĉar li rajdis, mi kredas ke la fotografaĵo estas farita en la pampo (2).

---

(1) Longmezuro de 120 metroj; distanco de unu stratangulo ĝis alia en sudamerikaj urboj.

(2) Granda herbokovrita ebenaĵo en Sudameriko.

*El Esperanto lo hará ciudada=
no del mundo.*

—ĜUSTE tion mi serĉis! Miki foriris al la pampo! —ekkriis li, kaj apenaŭ findirinte tion, jam li kuris aĉeti ĉevalon, kreolan rajdilaron kaj ponĉon (3), bularmilon (4) kaj ĉiujn aĵojn necesajn por transformiĝi je vera gaŭĉo (5). Krome li aĉetis matracon por meti ĝin sur la selon.

Por siaj amikoj en Hollywood li fotografigis sin kun Jacinta, sia ĵusaĉetita ĉevalino.

Fininte tiujn formalaĵojn, li malproksimiĝis en la direkto de-la pampo...

La unutona troto baldaŭ igis lin dormema.

Li, do, sternis sin sur la matracon, kaj... ekdormis. Li dormis profunde. Ron!... Ron!—... Li komencis sonĝi... Li vidis sin transportata...

Kio? Jes, sinjoroj, estis Dipi kiu kondukis tiun flugantan ĉaron okcidenten.

---

(3) Granda tuko, kiun la sudamerika kamparano uzas kiel surtuton.

(4) Ĵetarmilo konsistanta el tri buloj ligitaj per ŝnuro, uzata por ĉasi strutojn kaj aliajn kurantajn bestojn.

(5) Argentina kamparano, neseparebla de sia ĉevalo.

PUM! Subite, sonĝante, Dipi sentis ke la ĉaro malaperis kaj li troviĝis en la sama loko kie li estis antaŭ ol veni al Argentino.

—Aŭdu, Dipi! —aperis al li Miki— ĉu vi estas preta helpi min kontraŭ la bandito Pete la Lignokrura?— Li sentis nodon en la gorĝo kaj kapjesis.

—Mi sciis ke vi ne forlasos min! Estas necese eviti ke li daŭrigu la rabadon inter la loĝantoj de la regiono. Ni devas liberigi ilin de la terura malfeliĉo.

Dipi sentis ke liaj okuloj pleniĝis de larmoj. Se estas necese, li oferos sin!

Miki, daŭrigis:

—Mi forvojaĝas norden, proksimen al la loĝloko de Pete, kiu, kiel vi scias, es-

tas sur la bordo de la rivero kiun li konsideras sia, ĉar liaj ŝipoj vojaĝas tra ĝi praktikante kontrabandon de lignoj. Se en la limtempo de tri tagoj mi ne revenus, forvojaĝu al la domo de la maljuna Vesti, kie mi lasos sciigon por vi.

—Adiaŭ, ĉefo! Feliĉon!

Miki malaperis en la malproksimo kaj Dipi, subite, vidis en la sonĝo la friponan figuron de Pete la Lignokrura.

—Ha-ha! Via amiko Miki ne plu revenos!— kaj li ekridegis terure.

Dipi vidis la banditon kuri ĉirkaŭ li, kiu vane klopodis eskapi.

Subite la figuro de Pete malaperis... La Muso fakte ne revenis.

En la domo de Vesti Dipi trovis sciigon kiu diris en hispana lingvo:

PARTO HACIA EL RIO DE LA PLATA DE MADERA. VEN A BUSCARME. — RATON MICKEY".

(Traduko: Mi forvojaĝas al la Rivero de la Plata de Ligno. Venu serĉi min.— Muso Miki).

—Al la Rivero de la Plata? Hum!... Sendube temas pri Argentino. Certe li estas malkovronta ion tre gravan!... Sed kial li diras "de ligno"? Certe! Ĝi devas rilatiĝi kun la kontrabando kiun Pete faras. Ho, Dipi ne estas malsaĝa!..

Poste aperis plurfoje la figuro de Miki en diversaj epokoj.

—Ho, la kara ĉefo! — Dipi rememoris la naskiĝtagon de la Muso, kiam li mem fabrikis al li belegan torton.

—Dankon, kara Dipi! Vi estas lojala kaj sindonema amiko.

Grandaj larmoj fluis trans la vangoj de la dormanta kaŭbojo kaj denove li sonĝis pri la sciigo.

Li decidiĝis.

*El Esperanto es el más fácil y simple de los idiomas*

— ESTAS NECESE ke mi ekvojaĝu por serĉi mian grandan amikon! Mi foriros tuj al Rivero de la Plata, al Argentino. — Kaj Dipi vidis sin rajdantan sur sia ĉevalo kaj rapidanta tra la ebenaĵoj.

Li kuris dum tagoj kaj noktoj sen iama ripozo. Li kuris, kuris... La kaŭbojo iris helpi al Miki kaj nenia obstaklo povis haltigi lin.

—Kuru! Kuru! —la skuoj estis teruraj, sed Dipi ne rezignis.

—Oh, sed... Kio estas tio? Trankvile, Jacinta!

Dipi vekiĝis. Vere li estis galopanta, sed ne en la okcidento, sed en la argentina pampo. Subita movo, farita dum la sonĝo, ektimigis Jacintan, kiu nun kuris rapidege en la direkto de kabano.

DIPI sukcesis mastri la beston kaj konduki ĝin al la palisaro.

—Amiko Venancio —oni kriis al li— ni atendis vin! Diris al ni onklo Robustiano ke vi venos kanti al ni kelkajn vidalojn (6).

—Jen la mistero —pensis Dipi—. Tiuj homoj devas scii ion kaj tiu Venancio devas esti iu ĉefo kun tre mastra aspekto, ĉar ili konfuzis min kun li.

Kaj, ŝajnigante akcenton de kamparano, li respondis:

—Tiel estas, amiko. Guste pro tio mi venis. Li malselis la ĉevalon kaj, kun la oreloj ĉiam atentaj, li miksiĝis inter la kamparanoj kiuj ĉeestis.

---

(6) Mallongaj kantoj kiujn en argentinaj kamparoj la kantistoj improvizas akompanante sin per gitaro.

"MI ne devas perdi eĉ unu vorton el tio kion ili diros"—pensis li—. "Foje ili eldiros ion ajn kio povos montri al mi la direkton".

—Hej, kio estas tio?—ekkriis Dipi rigardante grandan bovinan riparon kun bongusta viando, surmetitan sur feron kaj super brulanta karbo.

—Kiel: "kio estas tio"?

—Ah, la amiko Venancio volas ŝerci!

# Estudie ESPERANTO

*Idioma Auxiliar Internacional*



*CURSOS GRATUITOS POR*



**Liga Es**

SARMIEN

KVAZAŬ li, kiu tiomfoje preparis ĝin, ne konus la kreolan rostaĵon! —kaj ĉiuj gaŭĉoj ekridis. La kaŭbojo, por simuli, ankaŭ ridis. Post momento oni servis la bonegan rostaĵon, kiun Dipi formanĝegis lekante la fingrojn. Poste oni dancis! Ankaŭ Dipi partoprenis ĝin en paro kun Jacinta, kaj li kondutis kiel vera gaŭĉo.

KAJ nun, kamarado, ni ŝatus se vi kantus ion al ni.

Unue kantu aliaj kiuj estas pli lertaj ol mi.

—Ne malgrandigu vin, amiko Venancio; ni scias kia gaŭĉo-kantisto estas vi.

La gaŭĉo-kantisto Dipi prenis la gitaron kaj komencis:

La kanton kiun mi nun kantos
al granda Muso dediĉos mi,
kara ĉefo kaj amiko
en la Pampo perdiĝis li.

Kaj, apenaŭ li finis la kanton, kiam, kun eksterordinara rapideco, li fiksan rigardon ĵetis sur la ĉeestantoj kaj ekkriis:

—Kion vi diras?

Sed neniu rimarkis tion. Kontraŭe, ĉiuj aprobis la kanton, kaj Dipi daŭrigis:

Kruroj ekzistas de osto kaj karno
kaj ankaŭ ekzistas kruro ligna,
kiu ne respondas al tio
tiu ne estas homo digna.

—Estas bone, gaŭĉo Venancio—! Daŭrigu, kamarado!

Mi diras al la ĉeestantoj
ke ili mildigu sian koron,
respondu kuraĝe al tiuj kantoj,
kien ili metis Grandan Muson.

Tiam unu el la gaŭĉoj eksaltis kaj respondis:

Mi dediĉos al vi verson
sed ne kian la kamarado,
ĉar al mi mia patrino
ne donis tiel belan bekon.

Antaŭ mi ne retroiru
se vi estas brava gaŭĉo;
Kie estas tiu Muso?
kiel homo tion diru.

Sed la alia, ludante gitaron, respondis:

Sciu vi, amiko mia,
ke sincera gaŭĉo mi estas;
mi ne faras kiel struto
kiu sian kapon kaŝas.

La fantazio iom naiva de Dipi, kiu atendis zorge iun ajn indikon flanke de la gaŭĉo, donis strangan sencon al liaj vortoj. Ĉu li diris "la struto"? Kaj kion ĝi kaŝas en la kapo? Kompreneble. Nun li konsciiĝis...

*Los esperantistas no conocen las fronteras idio-máticas*

ONI devis kapti la struton kaj konfesigi ĝin.

—Tion mi volis scii!—kaj li ekkuris kiel kuglo, post Jacinta, kiu jam estis komencinte kuri. Li galopis sen ripozo ĝis kiam malproksime ekvidis struton.

—Oh, la struto! Vi alvenis! — kriis li triumfe—. Nun mi ekscios kion vi kaŝas en via kapo kaj mi povos liberigi mian amikon Miki—! —Kaj, per furioza impeto li ĵetis la bularmilon.

Zas!— Ĝi flugis... Kio? Kio okazas? Sed ankaŭ Dipi flugas! Kio estas tio? Fluganta gaŭĉo! Kompreneble! Kun tia impulso li svingis la bularmilon ke ankaŭ li forflugis de la ĉevalo. Ho, kiel rapide li flugas! Jam li preterpasas la bularmilon! Bum! Ho, fosto sur la vojo! Kia manko de respekto por la korpo de la kompatinda Dipi! Kia bato! Kaj nun... Alia bato! Alvenis la bularmilo, kaj, ĉirkaŭiginte lin, ligis lin al la fosto.

Intertempe la struto, duonmorta pro timo, perdiĝas en la malproksimo.

—Malbenon! Ĝi eskapis! — ekkriis nia gaŭĉo!

Ege penante li povis liberigi sin de la

bularmilo kaj, jam laca, li ekdormis en la mezo de la kampo. Kiam li vekiĝis, jam ripozinta, li konsoliĝis suĉante kelkajn bongustajn mateojn, kaj denove li ekvojaĝis.

Baldaŭ atingis ilin la nokto. Jacinta volis ripozi, sed Dipi ekkriis:

—Dum mia kara ĉe o estas mallibera, neniam mi ripozos! — kaj li daŭrigis galopante kuraĝe tra la ombroj.

Subite li sentis ke lia sango glaciiĝas. Paro da brilegantaj okuloj aperis en la mallumo. Ho, PUMO! (7).

La pumo alproksimiĝis al la kuraĝa Dipi, kiu tremis kiel folio.

—Se...e... sed... —li povis eldiri per granda fortostreĉo — Kio estas tio? La pumo malproksimiĝas!

La pumo vere foriris, ĉar vidante la terure timigitan vizaĝon de Dipi, ĝi konsideris lin infano. Kaj kiel konate, la pumoj ne atakas infanojn.

---

(7) Rabbesto el la familio de la leono, pli malgranda kaj malpli danĝera. Vivas en sudamerikaj montaroj.

—MI ektimigis ĝin — ekkriis la kaŭbojo eligante la bruston, kaj, tre kontenta, komencis fajfi ĉakareron (8). Sed Jacinta moke ekrigardis kaj Dipi eksilentis.

La sekvintan matenon, la rajdanto kaj lia ĉevalo alvenis al kabano. La gaŭĉoj, kun sia klasika gastamo, akceptis lin kun etenditaj brakoj. Kaj Dipi pensis ke bonvenos al li mallonga ripozo por prepari novajn kaj pli mirigajn planojn.

—Mi devas skizi batalplanon. Jen... mi studos tiujn kartojn kaj signos mian vojon... Mi devas liberigi mian amikon!

Je la horo de la tagmanĝo la mastroj de la kabano invitis lin per bongusta rostaĵo

---

(8) Argentina kamparana nacia kanto, ankaŭ danco.

POST la manĝo ili komencis afablan konversacion.

—Vere oni devas esti ĉiam atenta. Antaŭhieraŭ vespere oni ŝtelis de mi ĉevalon...

—Ĉevalon? Kaj kiu faris tion?

—Ni ne scias. Ni ne estas detektivoj kiel Muso Miki.

Dipi grande malfermis la okulojn.

—Kiel? MUSO MIKI?

—Jes, ĉu vi ne konas lian lastan aventuron?

—MIKI? LASTAN AVENTURON? KIE?

—En la malproksima okcidento. Venu! Kiel ekzemplo por la ŝtelistoj ni surgluis la afiŝon sur la palisaron.

Vidinte la afiŝon, Dipi preskaŭ svenis.

Poste li elpoŝigis pipon, eksidis sur bovan kranioston, kaj komencis observi la afiŝon.

—Do Miki kaptis la banditon?

*Los esperantistas tienen amigos en todos los países*

—VERE, ĜI KOSTIS AL NI MULTE DA LABORO, SED NI TRIUMFIS! Bone! Mi reiras al mia lando, —Kaj adiaŭinte, li foriris.

—Hej Ĉu vi forlasas min? — Jacinta venis postkurante, kaj, paf! ĝi saltis sur lian ŝultron...



—Sed, amiko, kara amiko! Kie vi estis?

—K...k...kiel? — la kaŭbojo Dipi, ree en sia lando, balbutis. —Sed, kion signifas tio "kie mi estis"?

—Ĉu oni ne transdonis al vi mian sciigon —demandis Miki.

—Ĝuste pro tio! Kaj mi, plenumante viajn ordonojn, tuj foriris al Rivero de la Plata.

La brava Muso ekridegis.

—Homo! Ĝi estis sciigo en kodo! Ĉu vi ne vidis ke la "L" de la vorto Plata estis forstrekita kaj oni devas legi ĝin: "Rio de la Pata de madera", (kaj tio signifas "la rivero de Lignokrura). Kaj li klarigis sian aventuron kun la kruela bandito, kiel li atendis la alvenon de Dipi ĉe la bordo de la rivero tra kiu Pete kontrabandis kaj kiel li, finfine, lin kaptis sen ies ajn helpo.

—...KAJ ĉio finiĝis bone. Vi faris belan vojaĝon, ekkonis la vivon de la gaŭĉo. Vi havos multajn aferojn por montri al ni.

—Oh, oh, oh — ridis Dipi kontenta.

—Ni faros grandan feston kun ĉiuj amikoj. Ho, kiel ni amuziĝos. Venu. Eĉ mi mem maskiĝos min je gaŭĉo, kaj dancos la popolajn dancojn kiujn vi montros al ni.

—Jes, jes! Mi lernis multajn. Mi fariĝis vera gaŭĉo...

—MI FARIĜIS VERA GAŬĈO — ripetadis Dipi ĉiumomente la tagon de la festo, dum li kune kun Miki, Mini, Donaldo kaj ceteraj amikoj dancis, kantis kaj ridis gaje—. Mi estas... eh! eh!... Mi estas la reĝo de la pampo...

Kiel estas videble, nia amiko troiĝis iomete...

Eldonis: "Progreso", Buenos Aires 1943